# INTERNACIA FERVOJISTO




39a jaro N-ro 5 1987

Kongreslaboro neniam ripozas. La foto montras transdonon de la IFEF-flago de la pola LKK al la franca. De maldekstre videblas: s-ro Pierre ROBIOLLE, F, s-ro Wojciech SZMATLOCH, PL, 2 polaj fervojistoj, s-ro Wiesław ROZANKOWSKI, PL, s-ino Denise HAPPI-FOSSO, F, S-ro Andrzej PETTYN de Radio Polonia.

## REDAKTORA BABILO

GRRRR ... denove mankas spaco por la disponebla materialo. Kiam venos la mecenato, kiu liberigos nin de ĉiuj ekonomiaj zorgoj pri Internacia Fervojisto?

La jena numero enhavas gravajn IFEF-informojn, nome protokolon pri la komitatkunsidoj en Katowice, resumon de la jarraportoj de landaj asocioj de IFEF pri la agado dum 1986a jaro, la rezolucion de Katowice kaj la akceptitan statutŝanĝon. Krome raporteton pri la fervojista kontaktkunveno en Varsovio.

Kio ne troviĝas, sed atendas spacon, estas Aktualaĵoj de Belgio kaj Hungario, parolado (referateto) de IFEF-prezidanto dum UK en Varsovio, parolado de FISAIC-reprezentanto en Katowice kaj pluraj aliaj informoj.

Red

## INTERESO PRI FERVOJFAKA TRADUKAĴO

La internacia fervoja transportkomitato (CIT) en Bern (Svislando) gratulis pro la Esperanto-traduko de la Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV), kiujn tradukis la germana kolego Willi Barnickel. CIT sciigis, ke ĝi volonte informos pri la apero de CIV en Esperanto en siaj CIT-Informiloj.Tiuj informiloj precipe estas destinitaj por internaciaj porklientaj organizoj kaj tiaj kompetentaj en doganaj aferoj, aliaj interesuloj por la agado de CIT, internaciaj transport- kaj trafikĵurnaloj kaj por la membroj de la gvidanta komisiono de CIT.

## TERMINARA FONDUSO




Kiel vi povas vidi la termometro ne ŝanĝiĝis post la pasinta numero de IF.

Mi atentigas, ke la Fonduso daŭre volonte akceptas kontribuojn.

Kas

**INTERNACIA FERVOJISTO**

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D,D-3067 Lindhorst.

**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**ESPERANTO ★**



IFEF · FISAIC

40a Internacia Fervojista
Esperanto - Kongreso
PERPIGNAN
4a-11a de junio 1988

# 40A IFEF-KONGRESO
## PERPIGNAN - FRANCIO
## 4.-11.JUNIO 1988

**Adreso: 40a IFEF-kongreso,**
**1bis, Rue d'Athènes**
**F-75009 PARIS**
**Poŝta konto: 52 14 35 H PARIS**

En Katowice estis je dispono la invitilo kaj la aliĝilo. La kongreskotizo estas indikita en francaj frankoj (FF). 1 FF valoras ĉ. 0.144 EKUOn(Ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo de kalkulaĵoj) aŭ 0,166 dolarojn.

Ĝis 31/1 1988 validas la jenaj **kotizoj:**

| | |
|---|---|
| IFEF-membro (ankaŭ emerito) | 150 FF |
| Familiano/junulo ĝis 28-jara | 100 FF |
| **NE**-IFEF-membro | 185 FF |
| Simpatianto (ricevos la kongresmaterialon, sed ne partoprenos en la kongreso) minimume | 50 FF |

Kvar kategorioj de **tranoktado** ekzistas: (je prezo po 1 lito)

| | | |
|---|---|---|
| A - Hotelo tre komforta kun bano/duŝo *** | | 150-210 FF |
| B - Hotelo komforta kun bano/duŝo/tualetejo ** | | 110-180 FF |
| C - Hotelo * (kun kaj sen bano/duŝo) | | 90-150 FF |
| (La prezoj ne inkluzivas matenmanĝon en la koncerna hotelo; ĉ. 17-30 FF). | | |
| D - Amaslogejo | po 1 lito | 45 FF |
| | matenmanĝo | 9 FF |
| | luado de dormsako | 11 FF |

Jen la provizora **programo:**

| | |
|---|---|
| Vendrede la 3an de junio | - Alveno de la kongresanoj |
| Sabate la 4an de junio | - Komuna kunveno LKK/IFEF-estraro<br>Interkona vespero |
| Dimanĉe la 5an de junio | - Diservo - Fakprelega komosiono<br>Solena malfermo - Terminara komisiono<br>Vizito al la urbo - Kultura vespero |
| Lunde la 6an de junio | - Komitata kunsido - liberaj prelegoj<br>Duontaga ekskurso - Folklora vespero |
| Marde la 7an de junio | - Unua Plenkunsido - Fakprelega komisiono<br>Terminara komisiono - Bankedo kun balo |
| Merkredo la 8an de junio | - Tuttaga ekskurso |
| Ĵaŭde la 9an de junio | - Dua Plenkunsido - Aktualaĵoj el diversaj landoj - Filmoj - Libera vespero |
| Vendrede la 10an de junio | - Terminara komisiono - Fervoja vizito<br>Duontaga ekskurso - Solena Fermo |
| Sabate la 11an de junio | - Postkongreso en Andoro (11-14/6). |

Dum la kongreso, radio-amatoroj elsendos tra la mondo.

LKK aranĝos:

| | | |
|---|---|---|
| 1. Gvidata vizito al la urbo | je prezo | 60 FF |
| 2. Duontaga ekskurso al la or-arĝenta marbordo | | 60 FF |
| 3. Duontaga ekskurso al regiono "CORBIERES" | | 60 FF |
| 4. Tuttaga ekskurso al regiono "CONFLENT" | | 170 FF |

En la venonta IF troviĝos informoj pri la kongresurbo.

En la kongresejo oni povas manĝi tagmeze 80 FF
(Necesos pagi samtempe kun la kongreskotizo, se oni deziras tiun aranĝon).

LKK

## FERVOJISTA KONTAKTKUNVENO EN VARSOVIO

Kiel kutime jam de multaj jaroj ankaŭ dum la 72a Universala Kongreso en Varsovio okazis kontaktkunveno de la ĉeestantaj fervojistoj. Partoprenis 103 personoj. Gvidis inĝ István Gulyas (H), kiu salutis la kunvenantojn, i.a. la oficialan reprezentanton de la ministerio por transporto, dipl.inĝ Michalski, la ĝeneralan sekretariinon de UEA, d-rinon Szabo-Felsö, la IFEF-prezidanton J.Giessner kaj la honorajn IFEF-membrojn E.Kruse kaj d-ron I.Bácskai. La unuan fojon ĉeestis inter la fervojistoj ĉina kolego, nome supera inĝeniero Li Sen el Huhhot, Interna Mongolio.

Ĉefkomitatano L.de Sutter raportis pri la 39a IFEF-kongreso.

Sekvis interesaj prelegetoj, nome

- Aplikado de Esperanto sur la tereno de la Hungaraj Ŝtataj Fervojoj, faris d-ro Bácskai (H),
- Euro-City, nova dimensio en la internacia pasaĝertrafiko, faris inĝ István Gulyas (H),
- Esperanto - 100 jaroj da internacia kulturo kaj la kontribuo de la fervojistoj al tio, faris J. Giessner (D),
- Evoluado de la Ĉinaj Fervojoj, faris dipl.inĝ Li Sen.

La kunveno en la kongresejo finiĝis per poemo "La Jaro de Paco", verkita kaj prezentita de d-ro F.Jáki (H).

Du aŭtobusoj poste transportis la kunvenintojn al la fervoja muzeo, kie okazis la oficiala akcepto flanke de dipl.inĝ Michalski nome de la ministro por transporto, kiu mem feriis. Li tradukante laŭtlegis la salutvortojn de la ministro. Poste okazis diskutado, el kiu menciindas kelkaj ideoj, ekz. de inĝ Chrdle (CS), kiu partoprenis komisiite de la IFEF-prezidanto en la fondkunveno de "Terminologia Esperanto-Centro (TEC). TEC estas institucio de UEA. Pri la estonta kunlaboro kun TEC definitive decidos la IFEF-estraro en sia venonta kunsido.


Akcepto ĉe la pola trafikministro okaze de la 39a IFEF-kongreso.

Chrdle krome denove emfazis la neceson, ke minimume 5 sciencistoj el esperantistaj fervojistoj el landoj, kie oni parolas nek france, nek germane, partoprenu en sciencfaka konferenco en oktobro 1988 en Pardubice (CS), ĉar sub tiu kondiĉo la konferenco havus apud la franca, germana kaj rusa ankaŭ Esperanton kiel laborlingvon.

S-roj Todorov (BG) kaj Meinel (DDR) subtenis tiun peton. Meinel krome esprimis esperon, ke la kolegoj el DDR povos aliĝi al IFEF en ne tro malproksima tempo.

# PROTOKOLO

**pri la Plenkunsido estraro/komitato**

**en la 39a IFEF-kongreso en Katowice (PL)**

**Mallongigoj:** k-o = komitato, k-ano = komitatano, ĉk = ĉefkomitatano, l.a = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = Sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto,
por landaj asocioj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

**Unua parto, 20.5.1987**

1. **Malfermo, konstato mandatoj**
Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas pro la granda nombro de partoprenantoj.
Ĉeestas 19 voĉdonrajtaj k-anoj.

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER |
| Britio (GB) | - |
| Bulgario (BG) | Georgi LITOV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindrich TOMIŠEK |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Finnlando (SF) | - |
| Francio (F) | Pierre ROBIOLLE |
| | Jean ROLLAND |
| FR Germanio (D) | Willi GRASS |
| | Erhard HERLITZE |
| | Hans-Jürgen RIEHN |
| | Gernot RITTERSPACH |
| Hispanio (E) | José MOLINA GARCIA |
| Hungario (H) | István GULYÁS |
| | János PATAY |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Franjo ŠLABEK |
| Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Wieslaw RÓZANKOWSKI |
| Svedio (S) | - |
| Svislando (CH) | - |

(la svisa l.a. letere konsentis resp. akceptis ĉiujn traktaĵojn).

La ĉeestantoj honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas:

| | |
|---|---|
| Francio: | René Bastong |
| | Yngve Forslund |
| FR Germanio: | Elisabeth Glas |
| | Josef Hug |
| | Lothar Kuhn |
| | Gustav Ludwig |

| | |
|---|---|
| FR Germanio (daur.) | Albert Rehwinkel |
| | Siegfried Weber |
| Hispanio: | Julian L.Morales |
| Nederlando: | Cor Broekman |
| Norvegio: | Erling Ness |
| Svedio: | Folke Pettersson |

2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
Sk laŭtlegas salutleterojn de la sveda komitatano Evert Raŭsek kaj de la ekologia grupo en Bologna (I).

3. **Informoj pri gravaĵoj de la nepublika kunsido**
Pr informas pri la reelekto de ĉefkomitatano Lucien de Sutter (B). Krome pri la elektoj en la fakprelega komisiono (gvidanto Ludoviko Sekereś (YU), sekretario Gernot Ritterspach (D)).
Gunnar Thuesen (DK) demisiis kiel gvidanto. Pr substrekas, ke Thuesen havas grandajn meritojn pri sia agado. La programeron "Aktualaĵoj" li enkondukis. Nepre la nova gvidanto flegu tiun gravan kaj interesan programpunkton.

4. **Raportoj estraraj**
4.1 **Sekretario**
Robiolle (F) plendas, ke laŭ la jarraporto la membrostato troviĝas en la kasraporto. Sed en la kasraporto mankas la listo. Ks diras, ke sur paĝo 18 (IF 2/87) oni trovas la liston.
Gimelli (I) petas, ke la listo de la mortintoj estonte estu kompleta. Pr klarigas la malfacilan situacion. Bedaŭrinde la estraro ne ĉiam estas bone informita. Sk ne ricevas ĉiujn bultenojn, Tial la l.a. sendu al Sk la landajn organojn. Se ne ekzistas organo, bonvolu sendi informojn.
Niemann (DK) atentigas, ke sub la punkto 2.4 de la jarraporto la esprimo "Mongolio" ne estas ĝusta, ĉar Wuhan situas en Ĉinio. La vorton "Mongolio" bv forstreki.
La jarraporto estas unuanime akceptita (vidu IF 2/87).

4.2 **Redaktoro**
unuanime akceptita (vidu IF 2/87).

4.3 **Kasisto, konfirmo de kasraporto**
unuanime akceptita (vidu IF 2/87).

5. **Protokolo Skopje**
unuanime akceptita (vidu IF 5/86).

6. **Konfirmo de la invito al la 40a Kongreso**
Robiolle (F) invitas al Perpignan en Francio (4a-11a de junio 1988) kaj al la postkongreso en Andoro (11a-14a de junio 1988).
La invito estas unuanime akceptita.

7. **Raporto ĉefkomitatano.**
Ĉk raportas pri la lasta agadperiodo:
a) Partopreno en 2 estrarkunvenoj (Rapham kaj Næstved).
b) En kunlaboro kun Gulyás ili konferencis en UK Peking pri aliĝo de Ĉinio al IFEF.

c) Korespondado kun fervojisto en Portugalio.
d) Dissendoj de du cirkuleroj.
e) Korespondado kun estraro pri diversaj problemoj.
Unuanime akceptita.

**8. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj**

8.1 **Terminara komisiono**

Gvidanto Ritterspach: Trifoje en la kongreso renkontiĝis la Terminara Komisiono, partoprenis kunlaborantoj kaj observantoj el ok landoj. Oni i.a. traktis:

1) **Agadraporto**
Kiel promesite pasintjare, TK prezentis la literojn A-D el la estonta terminaro, unu listo laŭnumera, unu laŭalfabeta. Konstante daŭras la tradukado de aldonaj terminoj por LG IV, kiuj disponeblas nun ĝis litero P. Por aperonta suplemento al PIV la gvidanto de TK rapidege povis liveri proponojn el la fervoja fako. Pri ceteraj aktivecoj regule informas Terminara Kuriero.

2) **Elekto de funkciuloj**
Reelektitaj estas la
- gvidanto Gernot Ritterspach (D)
- sekretario inĝ. Ludoviko Sekereś (YU)
- redaktoro de Terminara Kuriero, Dieter Hartig (D).

3) **Stato de la laboro**
Samrapide kiel UIC liveras la aldonotajn terminojn, ni prizorgas la tradukadon. Ĉio estas storata en komputilo, kiun aĉetis Dieter Hartig. UIC ne jam skribe donis permeson, ke ni utiligu (represu) la indeksojn en la diversaj lingvoj de LG IV, sed la kontaktoj estas bonaj kun UIC kaj pozitiva respondo estas atendebla.

4) **Tempoplano**
Nia laborprogreso dependas de tiu de UIC. Ankaŭ tie estas rimarkindaj problemoj, principe pri indeksoj diverslingvaj. La manuskripto por LG IV (sen indekso) supozeble pretos jarfino 1987. Sekvontjare eldono estos preparata. Prognozi precizan daton de eldono por nia esperantlingva fervoja terminaro ne eblas.

La raporto estas unuanime akceptita.

8.2 **Fakprelega Komisiono**

Gvidanto Sekereś: FK okazigis sian kunvenon lundon, ĉeestis 10 personoj el ok landoj. Pro la neĉeesto de la ĝisnuna gvidanto la kunsidon gvidis sekretario Ritterspach.

Koncerne la ĉefan fakan prelegon oni konstatis, ke inĝ. Janusz Fortunski kompilis valoran prelegon kaj prezentis la plenan tekston. Krome la fakprelego aperis en belaspekta kajero (formato A 5). Bedaŭrinde mankas informoj pri la prelego en la kongresdokumentoj. Nepre en la estonteco aperu informojn en la kongreslibro. Estus pli bone, se ĉiu lando elektu sian respondeculon laŭ Ald III (4) d de la statuto kaj la prilaboratan temon oni anoncu en la jarraporto. Ankaŭ la "Aktualaĵoj" devus aperi en mallonga formo skribe.

Ĉar la ĝisnuna gvidanto Gunnar Thuesen demisiis, FK elektis novan gvidantaron: gvidanto inĝ. Ludoviko Sekereś (YU), sekretario Gernot Ritterspach (D).

La raporto estas unuanime akceptita.

8.3 **Koresponda Servo**

Denise Happi-Fosso (F) laŭtlegas la raporton de la komisiito J.Demissy. Venis jenaj koresponddeziroj:
Francio 11, Bulgario 2, Ĉeĥoslovakio 4, Nederlando 1, Danlando 2, Brazilo 1. Kvankam la sanstato malboniĝis, kolego Demissy esperas daŭrigi la laboron.
Unuanime akceptita.

8.4 **Komitatano A de UEA**

István Gulyás (H) raportas pri UK Pekino. Okazis ankaŭ kontaktkunveno por fervojistoj. Li parolis pri la organizo kaj evoluo de IFEF. Weidacher (D) kaj Gulyás fakprelegis. La ĉina delegito Li Sen salutis la kunvenon.

**9. Resumo pri raportoj landaj asocioj.**

Raportas Vp Per Engen (N). La ampleksa kaj riĉenhava raporto aperos en IF.

**10. Kongresproponoj**

La kongrespropono (IF 2/87), p.23/24) pritraktas statutŝanĝon (publikado de proponoj en IF).

Unuanime akceptita.

**11. Laborplano**

11.1 **Centjara Jubileo 1987**

IFEF intencis, ke la fervojo donu al internacia trajno nomon "Zamenhof" aŭ "Esperanto". Ni faris ĉion, sed la intenco ne realiĝis. PKP promesis lanĉi la proponon, sed la horarkonferenco eĉ ne traktis ĝin.

Pr petas, ke la l.a. uzu la bazajn artikolojn (IF 6/86 kaj "Esperanto" 5/86). Laŭeble la l.a. traduku ilin en naciajn lingvojn.

Ritterspach diras, ke Sredić (YU) kaj Barnickel (D) tradukis la fervojajn konvenciojn, nome COTIF (Internacia Konvencio por la fervoja pasaĝertrafiko) kaj la aldonaĵon A al COTIF.

11.2 **Terminaro**

Jam traktita sub punkto 8.1.

11.3 **Bazaj artikoloj en IF**

Jam traktita sub punkto 11.1.

11.4 **Rekomendoj en cirkulero de ĉk.**

Jam traktita sub punkto 8.2.

11.5 **Kontaktkunveno en UK Varsovio**

IFEF mendis jam salonon por kontaktkunveno en Varsovio. Pr kaj komitatano A (Gulyás) partoprenos. Okazos ankaŭ unu aŭ du fakprelegoj.

D-ro Bácskai (H) memorigas je la UK 1959 en Varsovio, kie okazis akcepto flanke de la ministro. Ankaŭ por la partoprenantoj de la kontaktkunveno ĉijare ni provos havi akcepton. Estus bone, se ankaŭ ĉefdirektoro Rodak povus partopreni.

**Dua parto, 21.5.1987**

Ĉeestas 19 voĉdonrajtaj k-anoj

**12. Resumo pri situacio en diversaj landoj**

Ĉinio: Ĉk raportas pri spertoj dum kontaktkunveno en Pekino. La ĉinoj volonte membriĝos al IFEF. La problemo estas la pagado, kiu tamen estas solvebla.

Pr diras, ke ni jam korespondas de kelka tempo kun la ĉinaj kolegoj. Ni esperas, ke ĉina reprezentanto venos al Varsovio por ke ni povu priparoli la problemojn.

Ĉeĥoslovakio: Pr estis antaŭ nelonge en Praha kaj konstatis, ke tie io moviĝis. En aŭtuno oni elektos tie novan estraron. Ankoraŭ ekzistas devizaj malfacilaĵoj, ĉar la konto en la banko estas barita. Se iu IFEF-ano veturos al Ĉeĥoslovakio, bonvolu kontakti antaŭe kun nia kasisto.

Portugalio: Nun finfine ni havas kontakton al fervojisto, li verŝajne partoprenos en Perpignan.

GDR: Ni ĝojus, se ili membriĝus al IFEF. Ni atendas, kiun resulton havos iliaj klopodoj.

Rumanio: Pasintjare ni aŭdis nenion.

Luksemburgio: La kontaktoj mankas.

**13. Budĝeto 1988 kaj kotizkonfirmo**

Ks klarigas la budĝeton kaj respondas al diversaj demandoj. La budĝeto enhavas la ĝisnunajn kotizojn. Estus ĝojige, ke la membraro montras pretecon helpi la Terminaran Fonduson.

La budĝeto 1988 estas unuanime akceptita.

La k-o konfirmas la kotizon, kiu restos same.
Ks aldonas, ke en IFEF ekzistas dum 14 jaroj la samaj kotizoj.

**14. Elekto de revizoroj**

Ks proponas jenajn revizorojn:

Inge Sørensen
Frederik Nielsen
Anders Klausen
Knud Fisker (vicrevizoro)

Unuanime akceptita.

**15. Rilatoj al aliaj organizoj**

15.1 **UEA**

Dum UK en Varsovio ni havos kontaktkunvenon. Ni esperas, ke multaj fervojistoj partoprenos. Entute la rilatoj al UEA estas bonaj.

Barnickel (D) proponas, ke multaj fervojoj anoncu en la jarlibro.

Ĉk diras, ke vicprezidanto Maertens (antaŭe UEA-prezidanto) klarigis okaze de festparolado en la BEFA-jarkunveno, ke IFEF estas la plej bona kaj efika fakorganizo.

15.2 **FISAIC**

La FISAIC-reprezentanto Nikolić (YU) estas treege impresita de nia kongreso. Li promesis, ke li raportos al FISAIC kaj ŝatus, ke estonte IFEF kaj FIRAC sendos reprezentantojn al la ĝeneralkunveno de FISAIC.

FISAIC-prezidanto Schmit estas membro de la Internacia Patrona Komitato por la Jubilea Jaro.

**16. Venontaj kongresoj**

16.1 **Elekto de lando por 1989**

Molina invitas la kongreson al Salou (E), 13.-19.5.89.

16.2 **Diskuto pri pluraj eblecoj**

Krogstie provizore invitas la kongreson al Hamar (N), 26.5.-1.6. 1990

**17. Internacia Skisemajno**

La venonta Skisemajno okazos en Spitzingsee (D), 27.2.-5.3.88.
Por 1988 oni palpos en PL.

**18. Eventualaĵoj**

Ritterspach (D) plendas, ke mankas en la kongreslibro indikoj pri la fakprelego. Pr opinias, ke plej efike estus, se ni fiksus tion en la Kongresa Regularo de la Statuto. La estraro envicigos tion tuj por ne perdi tempon.

Laŭ la nova regularo LKK publikigos en la kongreslibro la planotan fakprelegon kaj mencios la fakan laboron ĝenerale. Unu ĝis du paĝoj devas antaŭvidi LKK.

La k-o unuanime akceptas la proponon, ke la estraro envicigos la novan tekston.

Rd mencias, kiamaniere oni trovas fervojfakajn eldonaĵojn kaj kiel akiri ilin. La IFEF-estraro pritraktis la problemon kaj petas ĉiujn verkintojn kaj tradukintojn, ke ili sendu unu ekzempleron al IFEF-kasisto (vidu ankaŭ IF 3/87, p.34).

Pr mencias, ke IFEF reklamis:

a) kasedon "Kunkantu" (kun tekstoj)
b) diskojn (2 diversajn)
c) librojn "La lastaj infanoj de Oldravalo" kaj "La Fratoj Leonkoro".

**19. Libera diskutado**

D-ro Boschin (I) demandas, kiuj landoj enkondukis esperantlingvan horarŝlosilon kaj ekde kiam.

Vp respondas: BG, ČS, DK, H, I, YU, N, PL.

Ritterspach kompletigas: En la "Historio" de IFEF oni trovas, kiam la fervojoj enkondukis la Internacian Lingvon en la horaro.

Stuppnig (A) informas kaj invitas al la Trilanda Konferenco en Udine (I), 4.-6.1987.

Protokolis: O. Rösemann



## JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ 1986. RESUMO KAJ KOMENTARIO

Ĝis la 6a de marto alvenis raportoj de 14 landaj asocioj. Post memorigo venis aldone raportoj el 4 landoj. La resumo sekve estas bazita sur raportoj de entute 18 landaj asocioj. Ĉiuj raportoj donis la necesajn informojn.

0. **La landaj asocioj.**
La ĉefkomitatano donos apartan adresaron kun la nomoj kaj adresoj de ĉiuj landaj asocioj kaj ties funkciuloj.
La membronombro en la 18 landoj, kiuj sendis raportojn, estas 4926, aŭ 75 malpli ol lastan jaron. El ili 2182 estas IFEF-membroj. Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Francio kaj Jugoslavio havis etan kreskon, dum la liaj raportas pri stagno aŭ malkresko.
La elcento de emerituloj varias inter 14 en Ĉeĥoslovakio kaj 92 en Nederlando. Totale por IFEF ĝi estas proksimume 45.
Lokaj kluboj aŭ grupoj troviĝas en minimume 130 lokoj. En la 12 landoj, kiuj respondis al la demando, nia asocio havas membrojn en 385 diversaj lokoj. Mi tial konjektas ke troviĝas IFEF-membroj en minimume 500 lokoj en la mondo.

1. **Landaj organoj.**
14 landaj asocioj eldonas proprajn organojn. En Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Finnlando kaj Norvegio ne aperas tiaj organoj. La dana, franca kaj nederlanda organoj estas monataj, dum la aliaj aperas 2 ĝis 6 fojojn jare. En 1986 la organoj sume havis 820 paĝojn. Plej ampleksa estis la dana DEFA-bulteno kun entuta 188 paĝoj.
En la plejmulto de la organoj estas kaj esperant- kaj nacilingva enhavo. Nur 5 estas pure esperantlingvaj.
La kvar landaj asocioj, kiuj ne eldonas propran organon, disponas laŭ bezono paĝojn en la organoj de la neŭtralaj esperanto-asocioj.

2. **Rilatoj kun fervojoj kaj aliaj instancoj.**
Nur en Britio, Finnlando kaj Japanio niaj landaj asocioj ne havas relative regulajn kontaktojn kun la fervojaj instancoj. La landaj FISAIC-organizaĵoj tre ofte peras la kontaktojn. 14 landaj asocioj ricevas apogon de la fervojoj aŭ/kaj la FISAIC-organizaĵoj.
Ĉie, kie troviĝas FISAIC-sekcioj, la kontakto estas bona. Nur 8 landaj asocioj regule raportas al la fervojo rekte, dum ĉiuj raportas al la landa FISAIC-sekcio, kie tia ekzistas.
En 5 landoj okupas IFEF-membroj oficojn en FISAIC.
Klarigojn en Esperanto havas la oficialaj horaroj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando.
Niaj landaj asocioj en Aŭstrio, Bulgario, Francio, FRGermanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio, Svedio kaj Svislando havas bonajn aŭ almenaŭ kontentigajn rilatojn al la sindikatoj kaj en 5 landoj la sindikatoj finance apogas nian laboron. Ili reciproke ricevas raportojn pri nia agado.
La duono de la landaj asocioj flegas kunlaboron kun libertempaj, kulturaj kaj sportaj organizaĵoj ĉe la fervojo. La itala kaj la hispana landa asocioj mencias la kontaktojn kun AEC.
En Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Hungario, Hispanio, Italio kaj Jugoslavio niaj asocioj kunlaboras kun diversaj nefervojistaj/neesperantistaj organizaĵoj. Temas ĉefe pri junul-, virin-, kultur- kaj pacorganizaĵoj.

3. **Kunlaboro kun Esperanto-organizaĵoj.**

Ĉiuj landaj asocioj escepte de la franca, japana kaj nederlanda havas rektan kunlaboron kun la landaj UEA-sekcioj. Kontakto kun SAT-grupoj ekzistas en 6 landoj.

Rilatoj kun aliaj Esperanto-organizaĵoj ekzistas en kelkaj landoj kaj havas proksimume saman amplekson kiel en 1985.

**4. Informado kaj varbado.**

Nur nia asocio en Japanio ne instigis artikolojn en periodaĵoj kaj gazetoj, speciale fervojfakaj kaj sindikataj. La nombron de artikoloj malmultaj landaj asocioj indikis, sed ŝajnas ke niaj asocioj en Ĉeĥoslovakio, Danlando, FRGermanio, Hungario kaj Svislando atingis la plej bonajn rezultojn.

Grandaj kvantoj da varbmaterialo estas elsenditaj. Totale temas pri pli ol 25000 diversspecaj broŝuroj kaj 200 afiŝoj senditaj al unuopaj fervojistoj, organizaĵoj, lernejoj ktp. La norvega landa asocio elsendis 15000 broŝurojn, la franca kaj la jugoslava po 4000, la germana 1400, la svisa 1100 kaj la hungara 800. La itala asocio tiun-ĉi jaron raportas pri "miloj" da elsenditaj broŝuroj.

Totale la landaj asocioj raportas pri 40 fakprelegoj en 14 lokoj. 30 el la fakprelegoj okazis en Hungario, la aliaj en FRGermanio, Italio, Jugoslavio kaj Norvegio. La nombro de aŭskultantoj ne estas indikita.

La raportoj priparolas 22 ekspoziciojn en 14 lokoj en Danlando, FRGermanio, Italio, Hungario kaj Norvegio. Krome aranĝiĝis ekspozicioj en diversaj lokoj en Svedio, sed la nombro ne estis indikita en la raporto.

12 landaj asocioj informas kaj varbas en la deĵorejoj per afiŝoj, murgazetoj, broŝuroj ktp. Cetere la gazetaro de la fervojoj kaj la sindikatoj estas uzita kiel efika varbilo por niaj asocioj en multaj landoj.

**5. Kunvenoj kaj kursoj.**

Okazis estrarkunvenoj en ĉiuj landoj escepte de Japanio. La nombro varias inter 1 (en Britio) kaj 13 (en Francio). 10 landaj asocioj aranĝis ankaŭ kunvenojn por la membroj. La plej multaj aranĝiĝis en Danlando, Francio kaj Bulgario.

Ĉeftemoj por kaj estrar- kaj membrokunvenoj estis organizaj kaj financaj aferoj, varbado, preparo de aranĝoj kaj jubileaj preparoj.

70 kursojn kun pli ol 700 partoprenantoj aranĝis niaj landaj asocioj en ĉiuj landoj escepte de Ĉeĥoslovakio, Japanio, Norvegio kaj Svedio. Speciale vigla estis la aktiveco en Belgio, Bulgario, Francio, FRGermanio, Italio kaj Hungario.

Ĉiuj landaj asocioj escepte de la brita, dana kaj japana aranĝis jarkunvenojn. Plej granda estis la franca, germana kaj jugoslava, ĉiuj kun pli ol 100 partoprenantoj, dum la belga, bulgara, ĉeĥoslovaka, itala kaj nederlanda havis po inter 50 kaj 100 partoprenantojn. En 8 landoj la aranĝoj estis pliriĉigitaj per prelegoj, ekspozicioj, akceptoj, ekskursoj ktp.

Laŭ la raportoj proksimume 400 IFEF-membroj partoprenis la kongreson en Skopje.

**6. Kongresa gazetara servo.**

Nur 10 landaj asocioj uzis la eldonaĵojn de la gazetara servo por artikoloj, raportoj ktp. 2 landaj asocioj laŭdas la materialon; neniuj havas kritikajn rimarkojn.

La akceptita "mesaĝo pri paco" estas uzita en Aŭstrio, FRGermanio, Italio, Jugoslavio, Hungario kaj Svislando. Ĝi estas publikigita en sufiĉe granda nombro da gazetoj.

En Aŭstrio, Danlando, FRGermanio, Hispanio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando re-

sumoj de la fakprelego estas publikigitaj en fakaj kaj sindikataj gazetoj.

7. **Junularo.**
En la 18 landoj, kiuj sendis raportojn, la nombro de junaj membroj totale estas 425. Mankas la nombro el Pollando, kie pasintjare estis 340 junaj membroj en la landa asocio.

Bulgario, Francio, Hungario kaj Jugoslavio tiun-ĉi jaron havas plej multajn junajn membrojn.

Nur 6 landaj asocioj, nome Bulgario, Danlando, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando iniciatis specialajn aktivecojn por varbi junulojn.

En Danlando kaj Svedio la fervojoj en 1986 dungis respektive 600 kaj 1500 junulojn.

La aliaj landaj asocioj ne respondis la demandon pri dungo de novaj fervojistoj. **Estus laŭ mia opinio granda avantaĝo por niaj landaj asocioj scii ion pri la dungado ĉe la fervojoj, se ili deziras varbi inter la novdungitaj junuloj.**

8. **Terminara kaj traduka laboroj.**
Mi montras al la speciala raporto de la terminara komisiono. Laŭ la informoj ricevitaj 11 landaj asocioj nun partoprenas la laboron. Krome 4 landaj asocioj prizorgis tradukon de artikoloj por fakaj gazetoj kaj revuoj.

Jugoslavio planas noveldonon de pligrandigita jugoslava terminareto. En Norvegio tradukiĝis pere de Esperanto la gvidlibro de la Fervojmuzeo al granda nombro da lingvoj.

9. **Diversaĵoj.**
**Britio** planas dum la jubilea jaro doni al tri stratoj nomojn ligitajn al Esperanto.
**Hungario** celebris la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Rezcó Rajczy per inaŭguro de memortabulo en Debrecen kaj aliaj aranĝoj, sukcese daŭrigis la kunlaboron kun la ŝtataj fervojoj kaj la fervojista sindikato i.a. per konferenco kun la ĝenerala direktoro de MÁV kaj la ĝenerala sekretario de la sindikato pri la estontaj rilatoj.
**Italio** iniciatis la starigon de interpartia komitato por solvi la eŭropan lingvan problemon, aprobis peticion al la ministroj pri ekstera agado kaj de publika edukado pri tiu afero.
**Japanio.** La fervojistoj havas grandajn malfacilaĵojn, ĉar ekde fino de marto la nacia fervojkompanio dividiĝis en 7 privataj fervojoj. Tio i.a. kaŭzis ke 33000 fervojistoj devis forlasi siajn postenojn. La ŝanĝoj ankaŭ grave influis la agadon de la landa asocio kaj en 1986 ne estis eble aranĝi jarkunvenon aŭ eldoni la gazeton.
**Jugoslavio** brile aranĝis la IFEF-kongreson.
La jugoslavaj fervojoj eldonis esperantlingvan broŝuron sub la titolo "Jugoslavaj Fervojoj prezentas sin". Eldonkvanto estis 2000.
**Norvegio** aranĝis nordian kunvenon kun partoprenantoj el 4 nordiaj landoj.

10. **Finaj komentarioj.**
La raportantoj el 12 landoj opinias ke la ĝenerala situacio por Esperanto en iliaj landoj pliboniĝis. La aliaj raportantoj raportas pri neŝanĝita situacio aŭ nenion skribas pri ĉi tiu afero.

Por niaj fervojistaj organizaĵoj la situacio ŝajnas multe pli malbela. Nur en Francio, Italio kaj Hungario la raportantoj estas optimismaj, dum en la aliaj landoj la raportoj priskribas la situacion kiel ne ŝanĝitan aŭ malpli bonan.
La granda problemo en ĉiuj landoj kaj speciale en okcidenteŭropaj landoj estas, ke ne estas eble varbi sufiĉe da novaj membroj por anstataŭi la multajn, kiuj estos pensiuloj aŭ forpasos.
Bergen, la 4an de majo 1987
Per Engen

## REZOLUCIO

de 39a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio en Katowice, Pollando.

Ni, fervojistoj el 19 eŭropaj landoj, kunvenintaj dum la 39a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, kiu okazis en la JUBILEA CENTJARO DE ESPERANTO 1987

**APELACIAS**

al ĉiuj nacioj de la mondo, al ĉiuj registaroj, al ĉiuj sociaj, politikaj kaj internaciaj organizaĵoj

- disvastigadi kaj aplikadi la noblan Zamenhofan ideon pri paca kunvivado de la popoloj, pri reĉiproka toleremo kaj estimo sendepende de politika konvinko, religia konfeso kaj haŭtkoloro
- rekoni kiel tutmondan, kulturan havaĵon la atingojn de la centjara esperanta movado
- akcepti Esperanton kiel oficialan lingvon en internaciaj kaj interhomaj kontaktoj
- apogi ĉiaspecan agadon de Esperanto-organizaĵoj celantaj diskonigi kaj disvastigi la Lingvon Internacian.

La realigo de esperantaj ideoj eblas nur koincide kun tutmonda paco, tial ni plene apogas ĉiujn porpacajn iniciatojn, apelaciante al ĉiuj partoprenantoj de senarmigitaj interkontaktoj, ke ili uzu maksimumon de bonvolo por atingi tiun plej gravan celon de la homaro, nome la senarmigon kaj firmigon de paco.

Laŭ la principoj transdonitaj al ni de Zamenhof, la mejloŝtonoj de nia vojo devas esti: espero, pacienco kaj obstino.

Ni fervojistoj-esperantistoj respektas ilin en nia ĉiutaga laboro, realigante samtempe la inspirojn de tiu ĉi rezolucio, helpante atingi la ĉefan celon de ĉiuj popoloj: la daŭran, tutmondan pacon.

Katowice, la 21an de majo 1987.



"Nia Vojo", al kiu aludas la ĉisupra rezolucio


Meto de floroj ĉe la "Muro de Morto" en Oswiecim.

## STATUTŜANĜO KAJ KOMPLETIGO DE LA KONGRESA REGULARO

Dum la 39a IFEF-kongreso en Katowice la komitato akceptis jenan, 4an, ŝanĝon en la Statuto kaj Regularoj de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio:

§ 7c) la dua parto de la lasta frazo tekstu:
"... kaj laŭdezire ricevas la protokolon de la nepublikaj komitatkunsidoj." (4)

§ 20 al (3) kompletigi per jena nova alineo:
"Post la kongreso, la protokoltekstoj de la nepublika kunsido kaj de la plenkunsido estos sendataj rekte al la estraranoj kaj komitatanoj." (4)

§ 26 Generala Regularo:
La ĝisnuna frazo fariĝas cif (1).
Kompletigi per nova cif (2):
(2) En la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto" aperu i.a.
- resumo(j) de la fakprelego(j),
- tekstoj de "Aktualaĵoj el diversaj landoj",
- raporto(j) pri la kongreso.
En la dua postkongresa numero de "Internacia Fervojisto" aperu i.a.
- protokolo de la plenkunsido,
- resumo de la jarraportoj. (4)

Aldono II - Kongresa Regularo
Pkto(10) en la 4a linio post "Kunsidoj",
- envicigi:
"Krome la temon de la kongresa fakprelego kaj ĝenerale klarigan tekston pri la faka karaktero kaj agado de IFEF. Laŭeble ĝi estu" (4)
- forstreki la vortojn "kaj laŭeble estu".

Aldono III - Regularo por la Fakprelega Komisiono
En Cif (7) post la vorto "prelegon" fari komon kaj enmeti:
"referaĵeton 'Aktualaĵoj el diversaj landoj'" (4)

Cif (14) forstreki kaj anstataŭi per nova cif (14):
"(14) LKK disponigas en la kongreso sufiĉe da kompletaj tekstoj de la fakprelego depende de la nombro de kongresanoj kaj rezervon por kontentigi postajn mendantojn.
La resumo(j) de la fakprelego(j) aperas en la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto"." (4)

Aldoni novan cif (15):
"(15) Interkonsente kun la landaj asocioj, la gvidanto aranĝas koncizajn referaĵetojn "Aktualaĵoj el diversaj landoj", kiujn prezentas prelegantoj el la respektivaj landoj.
La tekstoj aperas laŭ la disponebla loko - se eble komplete - en la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto". (4)

La ĝisnunaj ciferoj (15) kaj (16) fariĝas (16) kaj (17).

## NOVA FERVOJFAKA LITERATURO

La Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) publikigis antaŭ nelonge kiel fakan kontribuaĵon okaze de la centjara jubileo de Esperanto tradukon de la Unuecaj reguloj por la kontrakto pri la internacia fervoja transporto de pasaĝeroj kaj pakaĵoj (CIV). Tiuj reguloj starigitaj de la Internacia fervoja transportkomitato (CIT) en Bern (Svislando) validas por ĉiuj internaciaj fervojaj vojaĝoj en Eŭropo krome en kelkaj ekstereŭropaj landoj. Por fervojaj vojaĝoj inter socialismaj landoj, ekz. inter Pollando kaj Bulgario, validas aparta konvencio.

La reguloj estas tradukitaj de la IFEF-membro Wilhelm Barnickel kaj reviziitaj de s-roj Ritterspach, d-ro Brodt kaj mag. Sredič. Prezo por broŝuro inkluzive de la afranko, 44-paĝa en la formato A5, estas la kontraŭvaloro de 3,- germanaj markoj. Mendojn direktu al s-ro Karl Bernhard, Sauerbruchstr. 8, D-6700 Ludwigshafen (Rhein) antaŭĝirinte la kotizon al konto-numero 953 729 ĉe Sparda-Bank Frankfurt am Main, banka kodnumero 500 905 00, favore al Vereinigung deutscher Eisenbahner-Esperantisten. Bonvolu indiki sur la banka formularo "Livero CIV".

GEFA

## AL VESTFALIA AŬTUNO

en la 750-jara urbeto Telgte apud Münster (Westf) invitas Esperanto-Societo Monastera al kultura kaj turisma semajnfino je 20a-22a de novembro 1987.

**Provizora programo:**

- ekskurso al kastelo Lohburg, eksmonaĥejo Marienfeld, romanika katedralo Freckenhorst;
- jarĉefkunveno de Bona Espero kun aktualaj filmo kaj raportoj pri la brazila infanvilaĝo BE;
- regiona renkontiĝo de Naturamikoj;
- vizitoj al pilgrimaj lokoj en Telgte,
  al fama kripoekspozicio,
  al potfarista majstro;
- edifa vespero apud kamenfajro en historia, kamparana ĉambro de loka muzeo kun kanzonoj, recitaĵoj, babiloj, kantoj kaj vestfalia regalo.

Informojn pri trafikaj koneksoj kaj loĝebloj, program-detalojn, aliĝilojn kaj turismajn prospektojn postulu de:
**M. kaj W. Brandenburg, Brinker Damm 24, D-4404 Telgte.**

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

J. Demissy, 18 avenue de Lieutenant, Bourgignon, F-55600 MONTMEDY.

## ENHAVO





1887-1987 | Centjara Jubileo de Esperanto

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas 10.10.1987.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved